Jaro VI * N.° 71ª Novembro * 1909

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

Augusto Jimenez Loira

PINTOR LÓPEZ, 3 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos





## Niaj juveloj

Ni kuraĝis peti de S-ino Klara de Zamenhof portreton por publikigi ĝian kopion en nian gazeton LA SUNO HISPANA. Ŝi estis tiel bona, tiel ĝentila, ke ĝin sendis al ni kun aminda letero, kie, inter aliaj estimindaĵoj, ŝi diras:

*...Koregan saluton al vi kaj al ĉiuj niaj valenciaj amikoj.*

La valenciaj esperantistoj, kiuj de kiam vizitis nian urbon la simpatiaj geedzoj ĉiutage rememoras ilin, de nun kaj por ĉiam sin sentos fieraj ne esti forgesitaj de ili.

La redakcio de LA SUNO HISPANA



Sinjorino Klara de Zamenhof

## Nuestras joyas

Tuvimos el atrevimiento de pedir á la Sra. Clara de Zamenhof su retrato, para publicar la copia en LA SUNO HISPANA. Fué aquella tan buena, tan fina, que nos lo mandó con afectuosa carta, en la cual, entre otras cosas apreciables, decía:

*.....Cariñosísimo saludo á usted y á todos nuestros amigos valencianos.*

Los esperantistas valencianos, que desde que visitaron nuestra ciudad los simpáticos esposos, diariamente los recuerdan, desde ahora y para siempre se sentirán orgullosos de no haber sido olvidados de aquéllos.

La redacción de LA SUNO HIS-

metis en ĝian juvelujon, kie estas poŝtkartoj de D-ro Zamenhof kaj aliaj notindaĵoj, la portreton kaj la leteron de la neniam sufiĉe estimata Doktoredzino.

PANA colocó en su joyero, donde hay postales del Dr. Zamenhof y otras cosas notables, el retrato y la carta de la nunca bastante estimada señora del Doctor.

# Gravega Sciigo

Lia Reĝa Hispana Moŝto nomis Komandoro de Elizabeto la Katolika, nian karegan Doktoron S-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof.

La Suno Hispana ĝojege gratulas la eminentan ordeniton kaj salutas la nediskuteblan trunkon de la hispana esperantistaro, S-ro Codorniu, kiu estis la unua kiu povis doni tiel bonan sciigon al ni kaj al ĉiuj.

# Importantísima noticia

S. M. el Rey de España ha nombrado Comendador de Isabel la Católica, á nuestro queridísimo Doctor el Sr. Lázaro Luis Zamenhof.

La Suno Hispana con júbilo felicita al eminente condecorado y saluda al indiscutible tronco de los esperantistas españoles, al Sr. Codorníu, que fué el primero que pudo dar tan buena noticia á nosotros y á todos.

# La Postkongreso en Valencio

## 14ª de septembro

La 14ª de septembro estas la tago en kiu la Esperantistoj devas alveni Valencion. Jam kelkajn tagojn antaŭe vizitis nin fremdaj ekskursantoj, kiuj venis dise, ĉu el Barcelono, ĉu el Balearaj Insuloj, ĉar ne ĉiuj fidele sekvis la programon de la Kongreso kaj iris en monton Monserrat. Sed en la 14ª estas anoncita la alveno de doktoro Zamenhof kaj la plej granda parto de la ekskursantoj. Kiam la alvena horo alproksimiĝas oni rimarkas grandan esperantistan movadon en la urbo de la floroj kaj la ĉirkaŭaĵo de la Norda stacidomo prezentas la eksteraĵon de la grandaj festotagoj. Multaj personoj sin direktas al la stacidomo por akcepti la ekskursantojn, multaj veturiloj atendas ekstere kaj popolamaso alkuras scivoleme por alesti al la grandioza okazo.

Nur kelkaj minutoj mankas por la alveno de la ekspresa vagonaro kaj la stacidomo montriĝas nesufiĉloka por enteni tiom da publiko. Tie estas la urbestro, kun



S-ino Elisa Gómez de Perogordo, Toledo, 66, 3.º Madrid (Hispanujo).

la urbkonsilantoj S-roj Sempere, Aranda, Roig, Olsina, Cano kaj la sekretario S-ro Jimenez Valdivieso, kiujn akompanas la gardistoj kaj la urba muzikbando; la prezidanto de la komitato de la Ekzpozicio, S-ro Trenor, kun komitatanoj S-roj Ribera kaj Settier; S-ro Martínez Aloy, kronikisto de Valencio, S-roj Amorós, Bellver kaj Martínez el la Muzika Konservatorio, kaj ĉiuj membroj de la Grupo Esperantista, inter kiuj ni rememoras, S-rojn Aguilar Blanch, oficiala delegito de la Valencia urbkonsilantaro en la Barcelona Kongreso, Inglada, Jiménez Loira, Marzal, Duyos, Bellido, Escuin, Novejarque, Anguiano, Pérez, Mateu, Pardo, Piñol, Belenguer, el Tervelo, Pérez López, Sanchez Roglá, Talens, el Carcagente, akompanita de multaj gesamideanoj el tiu urbo, kaj multenombra aro de geesperantistoj el la Valenciaj vilaĝoj, kiuj ope venis por ĉeesti la Postkongreson.

Ankaŭ estas inter la atendantoj la simpatia, de ĉiuj konita, samideano kapitano Perogordo, prezidanto de la Madrida Grupo Esperantista, kun sia bela edzino S-rino Elisa Gomez, S-ro Subkolonelo Ayza, eksprezidanto de la Hispana Societo por propagando de Esperanto kaj honorprezidanto de la Valencia grupo, la distinginda kaj afabla Pastro Guinart, kiu venis el Utiel por alesti la Postkongreson, S-ro Majoro Ribot, kiu ĵus venis el Barcelono, S-ro Serra el Liria kun sia ĉarma filino, kaj aliaj konataj geesperantistoj, kies nomojn estas neeble memori kaj kies listo okupus multe da loko.

Kiam la emocia momento alvenas kaj la vagonaro eniras en la stacidomon, granda entuziasma aplaŭdado sonas, dum la urba muzikbando ludas «la Esperon», kiun ĥore kantas ĉiuj ekskursantoj, kaj oni aŭdas kriojn «Vivu Zamenhof», «Vivu Esperanto». La entuziasmo estas tiel eksploda, kaj tiel multenombra la amaso kunpuŝiĝanta en la stacidomo, ke en la unuaj momentoj estas neeble preskaŭ sin movi kaj saluti la karajn alvenantojn. D-ro Zamenhof kaj lia edzino malsupreniras el la vagonaro, kaj sinjoro D-ro Aguilar Blanch prezentas ilin kaj ankaŭ S-ron Generalon Sebert kaj lian edzinon, al ĉiuj urbaj, ilin atendantaj, eminentuloj. La urbestro donacas tuj belan grandan bukedon al Doktoredzino Zamenhof, kiu tuj ricevas alian. Oni faras la prezenton de la Esperantistoj al la valencianoj. Inter la ekskursantoj venas ekster la jam cititaj Gesinjoroj Zamenhof kaj Gesinjoroj Sebert, S-ro Moscheles, S-ro Carlo Bourlet, Direktoro de *La Revuo*, S-ro Barono de Menil, S-ro Alfonso Sabadell, vicprezidanto de la V[a] Kongreso de Esperanto, akompanata de liaj ĉarmaj edzino kaj filino, S-ro Andreo Piñó, sekretario de la Postkongresa Komitato, Gesinjoroj Cazeaux, F-ino Hofman, S-roj Ferri, Teltschik, Tellini, Farges, Gesinjoroj Bastié, F-ino Gregoria Pérez, S-roj Villarroya, Mattes, Puig, k. t. p.

Kiam la prezentoj estas faritaj, meze de entuziasma bruego la ekskursantoj eliras el la stacidomo kaj sin direktas al la veturiloj. La publiko ekstere atendanta akceptas per longa aplaŭdo la aperon de D-ro Zamenhof kaj la amaso de la veturiloj komencas deiri inter multenombraj vicoj de personoj, kiuj sur la trotuaroj kaj en la strato mem ĝoje partoprenas en la esperantista festo. En la unua veturilo iras D-ro Zamenhof, kun S-ro Urbestro, S-ro Prezidanto de la Komitato de la Ekspozicio, kaj D-ro Aguilar Blanch. En alia veturilo Doktoredzino Zamenhof gaje parolas kun S-rino Eliso Gomez de Perogordo kaj F-ino Ernestino Serra, akompanataj de sinjoro Aranda; en alia iras S-roj Ayza kaj Inglada; en alia S-roj Gimenez Loira, Perogordo, Ribot kaj Anguiano; en aliaj, pli ol dek, la ceteraj alvenintoj kaj akceptintoj. Ne eble memori ĉiujn nomojn.

Dum la marŝado de la veturiloj la publiko varme aplaŭdadas, multaj personoj sin elŝovas tra la balkonoj por vidi tian interesan spektaklon kaj kiam la veturilo de D-ro Zamenhof trafas la *Palace Hôtel*, kie li devas loĝi, la aspekto de strato Paz kaj la publikaklamoj estas vere imponantaj. D-ro Zamenhof eniras la *Palace Hôtel* kaj la aplaŭdoj ne ĉesas. Li devas sin montri al la publiko en la balkono por danki ĝin kaj akcepti ankoraŭ novajn aklamojn. Ambaŭflanke de la balkono, kie aperas Nia Majs-

tro, oni vidas du belegajn tapiŝojn de floroj, arte kaj bele faritajn, kiuj vertikale estas almetitaj kaj lasas vidi du grandajn skribojn el floroj, kiuj diras: «Vivu D-ro Zamenhof», «Vivu Esperanto».

Kiam la aplaŭdoj iom ekĉesas D-ro Zamenhof eniras en sian belan akceptoĉambron kaj tie li babilas kun multaj urbaj eminentuloj kaj Esperantistoj avide dezirantaj lin alparoli kaj aŭdi.

La momento vespermanĝi alproksimiĝas kaj ĉiuj disiras por plenumi tiun neprokrasteblan postulon de la korpo. Tiamaniere la tempo rapide forpasas kaj la naŭa vesperhoro difinita por la inaŭguracio de la Postkongreso fine sonoras.

La solenaĵo okazas en la belega kunsidsalono de la Ekspozicio, kiu kun sia hela lumeco lasas vidi amason da belaj sinjorinoj kaj fraŭlinoj, sidantaj en la loĝioj; la seĝoj ankaŭ estas okupitaj de la ekskursantoj, hispanaj Esperantistoj kaj personoj kiuj venis scivoleme por alesti la feston, kaj en la teatro estas neniu neokupita loko. La urbkonsilantaro de Valencio kun S-ro Urbestro eniras solene la salonon kun siaj antaŭirantaj festvestitaj gardistoj, kaj sur la prezida strado sidas D-ro Zamenhof, kiu havas apud si, S-rojn Urbestro, Trenor, prezidanto de la Ekspozicia Komitato, Generalo Sebert, Bourlet, Moschelles, Sabadell, Barono de Menil, Jimenez Loira, Mibs, Duyos, Pastro Guinart, Jimenez Valdivieso, Piñó, Romero, Bellido, Aguilar Blanch, Martinez Aloy kaj la urbkonsilantojn S-rojn Sempere, Roig, Olsina kaj Aranda.

La festo komenciĝas per la Ekspozicia himno, kiun majstre ludas la urba muzikbando kaj tre bele norkantas la orfeonoj Vega kaj Micalet. Ĝi kaŭzas tian plaĉan impreson ĉe la aŭdantaro, ke oni devas denove ĝin ludi kaj kanti, meze de frenezaj aplaŭdoj.

Poste S-ro Inglada, prezidanto de la Valencia Grupo Esperantista, sin levas, kaj faras la sekvantan parolon:

Altaj Registaj Moŝtoj, Sinjorinoj, Sinjoroj:

Kiel prezidanto de la ĉi tiea Grupo Esperantista, mi havas la honoron prezenti al vi la genian aŭtoron de Esperanto, D-ro Zamenhof, lian ĉarman edzinon, kaj tiujn ĉi eminentajn fremdajn Esperantistojn, el kiuj mi nur citos, por ne trouzi vian atenton, Lian Generalan Moŝton S-ron Sébert, Membro de la Franca Akademiaro, S-ron Carlo Bourlet, doktoro de sciencoj, kaj por ni la tiel kara Direktoro de *La Revuo*, S-ron Baronon Menu de Ménil, inspirita aŭtoro de nia bela himno «Espero», S-ron Mybs, glora prezidanto de la IV$^{a}$ Dresdena Kongreso, S-ron Moschelles, kiu en sia jam kaduka aĝo tiel fervore propagandas nian aferon, kaj S-ron Alfonso Sabadell, vicprezidanto de la V$^{a}$ Kongreso de Esperanto en Barcelono. Ili ĉiuj venas viziti nian urbon kaj tiun ĉi Ekspozicion, kiu estas kaŭzo de fieriĝo por Hispanujo.

Dank' al la mirindaj ecoj de Esperanto, kiel artefarita internacia lingvo kaj al la fervora dudekdujara propagando de ĉiuj Esperantistoj, kiuj en laboro paca ne laciĝis, ĝis la bela sonĝo de l'homaro, jam plej bele nun efektiviĝis, nia afero antaŭeniras per rapidegaj paŝoj kaj nia forta kunfratiga voko per flugiloj de facila vento rapidflugas nun de lok' al loko.

Ĉiujare la nacioj disputas inter si la honoron akcepti la kongresanojn de Esperanto kaj ame havi ĉe si tiun ĉi ĉiam pli multenombran amason de Esperantistoj, kiuj sur neŭtrala lingva fundamento, komprenante unu la alian, faris jam en frata korkonsento unu grandan rondon familian.

En la nuna jaro tiu ĉi alta honoro estas difinita al Hispanujo. Ĵus okazis la V$^{a}$ Kongreso en Barcelono, kie ĉiuj urbanoj konkuris por regali la Esperantistojn, por superŝuti ilin per plezuroj, por fari al ili plej agrabla la restadon en la kongresurbo. Ili loĝas nun en Valencio; de hodiaŭ ili estas niaj gastoj. Mi ne dubas,—ĉar dubi tion estus vin ofendi—ke tie ĉi ĉiuj urbanoj akceptos ilin plej kore, ke tiu ĉi nova sento, kiu venis en la mondon tuj post la naskiĝo de Esperanto, regos ankaŭ en la koroj de la valencianoj, kaj la Esperantistoj trovos familian hejmon en tiu ĉi bela gas-

tama urbo, kiun ni, hispanoj, prave nomas la urbo de la floroj kaj la ĝardeno de Hispanujo. (Longedaŭra aplaŭdado premias la belegan paroladon de S-ro Inglada, kiu estas devigata stariĝi kelkajn fojojn por emociplene danki la internacian ĉeestantaron. Eĉ la neesperantista publiko aplaŭdas tre fervore aŭdinte elparoli tiel flue nian belsonan lingvon, pro kio sen ia dubo, kaŭze de tio, ni devas esperi, post ne longe, riĉan esperantan rikolton en nia urbo.)

S-ro Prezidanto de la Komitato de la Ekspozicio per elokventa parolo salutas D-ron Zamenhof kaj ĉiujn gekongresanojn kaj esprimas sian varman deziron, ke la Esperantistoj trovu agrabla sian restadon en Valencio kaj ke nia afero trafu rapide sian finan triumfon. S-ro Ayza tradukis tiun ĉi paroladon.

La urbestro de Valencio faris paroladon, kiun tradukis S-ro Marzal dirante: Unue li salutis la respektindajn sinjorinojn kaj ĉiujn esperantistojn, kiuj partoprenis en la ekskurso al Valencio, dezirante al ili estu tiel agrabla la restado en la urbo, kiel granda estas nia plezuro akceptante ilin. Poste li salutis respektege nian karan Majstron dirante, ke lia nomo sendube pasos al la historio inter tiuj de la personoj kiuj plej grandajn servojn faris al la homaro. Li aldonis, ke li estas tre fiera parolante en la nomo de la valencia urbkonsilantaro, kiu estis la unua en Hispanujo kiu kunhelpis oficiale nian amatan lingvon, kaj, ke se ĉiuj urbaj korporacioj estus farintaj la samon jam ni estus atingintaj nian venkon. Fine li kore voĉdonis por la baldaŭa kaj definitiva triumfo de Esperanto.



**F-ino Ernestina Serra**
**Libertad, 20, Liria (Valencia) Hispanujo**

Kiam D-ro Zamenhof sin levas por paroli, en la salono eksplodas longa aplaŭdo kaj regas freneza entusiazmo. Per belaj kaj elegantaj frazoj nia majstro salutas la urbestron, la Komitaton de la Ekspozicio kaj la Valencian popolon, kaj dankas ilin por la tre afabla akcepto, kiun ili al li ĵus faris.

Ĉiam inter aplaŭdoj D-ro Zamenhof daŭrigas dirante, ke kiam en Dresdeno oni decidis la pasintan jaron, ke la V.ª Kongreso de Esperanto estu en Hispanujo, ĉiuj demandis sin, ĉu eble ne estas ankoraŭ ĝustatempe aranĝi la hispanan? sed veninte Barcelonon kaj vidinte la grandan sukceson, li ĝoje konstatis, ke la realeco superis sian esperon. Ke kiam oni ankaŭ decidis la Valencian Postkongreson, oni eble kredus en la unua momento, ke tio ĉi estos nur ia sengrava aldono, sed en la nuna momento li konstatas, ke ekzistas tie ĉi multaj fervoraj Esperantistoj, ke la festo estas eksterordinara kaj ke ĝi estos tre fruktoporta por la triumfo de nia idealo.

Li finas la belegan paroladon farante grandan laŭdon de Valencio, kies nomo jam estis konata de la fremduloj, sed kiu nun ankoraŭ pligloriĝos dank' al la granda sukceso de ĝia Ekspozicio kaj Esperantista Postkongreso.

Kiam D-ro Zamenhof sidiĝas la aplaŭdoj estas bruegaj kaj la entuziasmo debordiĝas. La publiko montras grandan deziron koni la tutan enhavon de la parolado de nia Majstro. S-ro Inglada, petita de kelkaj Esperantistoj sin levas kaj faras la hispanan tradukon de la parolado de D-ro Zamenhof, kiu estas ankaŭ varme akceptata per aplaŭdoj.

Poste, la urba muzikbando ludas la himnon «Espero», kiun kantas ĥore la orfeonoj de La Vega kaj Micalet kaj ĉiuj Esperantistoj kaj la inaŭguracia kunsido finiĝas per entuziasmaj aklamoj kaj krioj «Vivu Zamenhof» kaj «Vivu Esperanto».

Elirinte el la kunsida salono, la Esperantistoj sin dediĉas promeni tra la Ekspozicio vizitante la palacojn kaj alestante al la prezentado de opero «Ayda», kiun oni faras en la Teatro-Cirko.

## 15ª de septembro

Matene la ekskursantoj akompanataj de la Valenciaj esperantistoj dediĉas sin viziti la urbajn monumentojn. Kelkaj preferas iri Grao'n, kaj tie rigardi la belan havenon kaj la apudajn marbanejojn. Aliaj vizitas la Ekspozicion, en kies kunsidan salonon alvenas multaj esperantistoj, inter kiuj la organiza komitato por pretigi la programon de la unika kunsido de la Postkongreso, kiu okazos je la sesa samtage.

D-ro Zamenhof ankaŭ iras en veturilo viziti la ĉefajn urbajn monumentojn. Je la dekunua horo, invitita de la eminenta Valencia fotografisto S-ro Novella, li permesas ke oni faru kelkajn fotografaĵojn de lia persono en la luksa fotografejo staranta apud la Postkongresa Oficejo. Laŭ deziro de nia Majstro, S-ro Novella faras fotografaĵon, en kiu troviĝas D-ro Zamenhof kaj la prezidanto de la Valencia Grupo Esperantista S-ro Inglada.

Kiam la fotografaĵoj estas faritaj, D-ro Zamenhof kun generalo Sébert, acompanitaj de S-roj D-ro Aguilar Blanch, Ayza kaj Inglada, iras viziti la urbestrojn de Valencio. D-ro Zamenhof kaj generalo Sébert, estas tre afable akceptitaj de Lia Generala Moŝto, S-ro Jiménez Castellanos, Regiona Militestro; ankaŭ ili iras en la nemilitistan Provincestran oficejon, sed Lia Provincestra Moŝto ne povas ilin akcepti, ĉar li estas en grava kunsido, en kiu oni pritraktas aferon pri la Valencia haveno. Poste oni faras ankaŭ viziton al la Valencia Muzika konservatorio, kiu malfermis gravan muzikan konkurson, kies esperanta programo estas sendita al ĉiuj fremdaj muzikaj Profesoroj kaj Societoj. Profitante la apudecon de la Paleontologia Muzeo D-ro Zamenhof kaj Generalo Sébert restas en ĝi duonhoron kaj interese rigardas ĉiujn skeletojn kaj apartajn ostopecojn de kelkaj rimarkindaj antaŭhistoriaj bestegoj.

Fine ili sin direktas viziti la Valencian urbestron, kiu akceptas ilin plej afable kaj invitas ĉiujn Esperantistojn al teo donacota la morgaŭan tagon je la 11ª vespere en la Palaco de la Urba konsilantaro en la Ekspozicio.

Posttagmeze la Esperantistoj iras en grupetoj viziti la Ekspozicion. Ili eniras en kelkajn ĉefajn palacojn kaj rigardas ĉiujn instalaĵojn kun granda intereso. La Valenciaj Esperantistoj klarigas al ili la rimarkindajn detalojn kaj la ekskursantoj varme laŭdas la konstruaĵojn de la Ekspozicio.

Granda grupo da esperantistoj, inter kiuj bedaŭrinde ne estas D-ro Zamenhof, kolektas sin en la grandan arenon de la Ekspozicio, kie oni faras tre belan fotografaĵon, en kiu ili aperas amase starantaj unu apud la alia, escepte kelkaj feliĉuloj, kiuj sidas en la unua vico apud tre belaj Esperantistinoj.

Dume, D-ro Zamenhof, lia edzino, generalo Sébert kun la sia, kaj aliaj valenciaj Esperantistoj komforte sidas sur la teraso de la Fonta Lumo. Tie fraŭlino Lacruz ventumas per sia ventumilo D-ron Zamenhof kiu sidas apud ŝi, kaj per sia rapida kaj sprita babilado ŝi igas ridi ĉiumomente la ĉeestantojn. Iu esperantisto ŝerce diras al Doktoredzino Zamenhof, ke ŝi ne ĵaluzu pri fraŭlino Lacruz, kaj alia aldonas, ke inter esperantistoj ĵaluzo ne povas ekzisti, ĉar nur regas en ilia koro amo kaj konsento.

Estas jam la sesa horo, difinita por la komenco de la kunsido, kaj neniu volas sin levi de la seĝo, ĉar en la teraso oni vidas tre belan panoramon kaj la vetero ne estas varma.

D-ro Aguilar Blanch, Prezidanto de la Organiza Komitato, mallaŭte parolas kun S-ro Inglada pri la komenco de la kunsido, sed ili ne kuraĝas diri tion al D-ro Zamenhof, ĉar li ŝajnas agrable ripozi sur la teraso kaj levigi lin ŝajnas al ili ĝena trudeto. Iu el la ĉeestantoj eltiras sian horloĝon, donas malagrablan sciigon, ke jam estas iom malfrue, kaj la *devo* premanta kaj maloportuna, kondukas ĉiujn de la bela kunsido sur la teraso de la Fonta Lumo, al la kunsido de la Postkongreso, kiu feliĉe por ĉiuj ne havos la karakteron de ceremonia oficiala solenaĵo, sed tiu de intima senetiketa korfesto.

Kiam la unika kunsido de la Postkongreso komenciĝas estas jam la duono de la sepa. La salono de la Ekspozicio aspektas plej brile; la loĝioj estas plenaj je belaj virinoj: en la seĝoj sidas multenombra publiko kaj de la balustradoj de la loĝioj pendas standardoj kun la verda stelo. Sur la prezida loko de la estrado sidas D-ro Zamenhof, generalo Sébert, D-ro Carlo Bourlet, direktoro de *La Revuo*, Barono Menu de Ménil, S-ro Mibs, Prezidanto de la 4ª Kongreso de Esperanto, S-ro Sabadell, Vicprezidanto de la Vª, D-ro Aguilar Blanch, Prezidanto de la Organiza Komitato de la Postkongreso, Subkolonelo Ayza, Kapitano Perogordo, Prezidanto de la Madrida Grupo, Pastro Guinart, S-roj Moschelles, Marzal, Duyos, Bellido, Talens, Jiménez Loira, direktoro de «La Suno Hispana», kaj Inglada, Prezidanto de la Valencia Grupo.

D-ro Aguilar Blanch malfermas la kunsidon, dirante ke ĝi estas nur intima kunveno, kies ĉefa celo estas konvinki la publikon pri la komprenebleco de Esperanto, por kio ĝi aŭdos la parolon de diverslandaj Esperantistoj.

S-ro Inglada raportas pri la aliĝoj al la Postkongreso, inter kiuj li legas du telegramojn senditajn de S-ro Casas, Sekretario de la Hispana Societo por propagando de Esperanto, en kiuj oni salutas D-ron Zamenhof kaj ĉiuj Postkongresanojn. Li legas ankaŭ resumon de letero de S-ro Majoro Huecas, el Gerono, kiu bedaŭras ne povi alesti al la Postkongreso; ĉar tion malpermesas al li liaj militistaj devoj, kaj kore salutas la Esperantistojn tie ĉi kunestantajn. Ankaŭ li raportas pri letero de S-ro Pastro Lorenzo G. Sempere, kiu restas en Jativa pro religiaj devoj, kaj varme aplaŭdas la celon de la Postkongreso, aldonante ke li plej kore salutas Nian Majstron kaj eminentajn esperantistojn, al kiuj li esprimas sian profundan kaj sinceran admiron. Li ne dubas ke nia esperanta afero plaĉas al Dio kaj li finas dirante en la letero: «Dio ilin benu kaj iliaj agoj prosperu por la bono de la homaro. Vivu D-ro Zamenhof! Vivu la Esperantistoj! Vivu Valencio kun Esperanto!»

Ankaŭ oni legas telegramon de S-ro Ricardo Codorniu, en kiu li sciigas, ke nia registaro intencas ordeni D-ron Zamenhof, nomante lin Komandoro de Elizabeto la Katolika.

Longaj aplaŭdoj akceptas tian gravan kaj ĝojigan sciigon kaj S-ro Inglada finas proponante, ke la Postkongreso esprimu sian dankon al la Urba konsilantaro de Valencio (*aprobaj aplaŭdoj*), al la Komitato de la Ekspozicio (*aprobaj aplaŭdoj*) kaj al S-ro Codorniu kaj al Lia Ministra Moŝto S-ro La Cierva por la granda helpo, kiun ili donis al nia afero (*Longa entuziasma aplaŭdado*).

Kiam la aplaŭdoj ĉesas S-ro Moschelles, en nomo de la anglaj esperantistoj, faras belan kaj mallongan paroladon kun gratulo pri la Postkongreso kaj saluto al ĉiuj karaj samideanoj kaj al la urbanoj de Valencio.

Poste D-ro Talens parolas en la nomo de la Esperantistaj Grupoj de Carcagente kaj Tabernes kaj proponas kun saluto al D-ro Zamenhof belan fotografaĵon de li mem faritan en kiu estas la portretoj de la hispana konsularo de Esperanto. La donaco tre plaĉas al nia Majstro: en la mezo de la fotografaĵo aperas inter nuboj la kvinpinta stelo de Esperanto kaj en ĝi la vizaĝo de D-ro Zamenhof kaj ĉirkaŭ ĝi, formante rektangulon, vidiĝas la portretoj de ĉiuj hispanaj konsuloj de Esperanto, kaj sub ili la respektivan nomon kaj urbon.

S-ro Ferri, el Dalmatujo, parolas en la nomo de siaj samlandanoj; li afable salutas ĉiujn esperantistojn kaj esprimas varman gratulon pro la sukceso de la Postkongreso kaj koran dankon pro la afabla akceptado, kiun Valencio faris al Esperanto kaj al ĝiaj adeptoj.

F-ino Lacruz, el Utiel, montras sian belan elegantan figuron sur la lokon de la scenejo difinita al la parolantoj. Ŝia apero kaŭzas ĉe la publiko tre plaĉan impreson kaj ŝi antaŭ ol paroli ricevas veran ovacion. Kun tiu mirinda simpleco kaj senartifikeco, kiu estas kutima ĉe ŝia parolado kaj faras ĝin tiel ĉarma, ŝi ellasas torenton da vortoj kun varma alvoko al ĉiuj Valenciaj virinoj por ke ili lernu tuj Esperanton. La publiko montras grandan intereson kaj F-ino Lacruz, eble kuraĝigita de tia favora akcepto, daŭrigas sian paroladon, ĉiam pli flue kaj rapide ĝis alvenas momento, kiam eble pro la emocio de la okazanta festo, ŝi iom konfuziĝas, subite haltas, kaj diras per sincera ekpuŝo de nobla koro: «...pardonu, mi ne trovas la ĝustan vorton!» Tiu ĉi senafekteco entusiasmigas pli la publikon, kiu per aplaŭdoj preskaŭ ne lasas daŭrigi ŝian parolon. Kiam fine la aplaŭdoj ĉesas, F-ino Lacruz finas sian ĉarman paroladon, ĉiam afable akceptatan de la aŭdantaro.



**F-ino Julia Lacruz**
**Utiel, (Valencia) Hispanujo**

En tiu ĉi momento S-ro Carlo Bourlet, levas sin el la seĝo kaj estas preta paroli. La publiko komencas entuziasme aplaŭdi; ĉiuj en Valencio konas jam la altajn meritojn de la direktoro de «La Revuo». Lia alta belsintena figuro tuj kaptas la simpation de la aŭdantaro. Kaj per tiu varma, vivoplena elokventeco, kiu karakterizas S-ron Carlo Bourlet, li komencas paroli per frazoj sendifektaj, sentoplenaj, kaj ĝuste esprimantaj la sincerecon de lia nobla kaj fidela koro. Neeble estas ĝuste traduki ĉion, kion li diris en tiu memorinda festo, ĉar la plumo iradas laŭ mallerta malrapideco de testudo kaj ne povas sekvi la majestan rapidiron de lia parolo, sed li faris aludon al la grandaj progresoj de Esperanto en la Norda Hispanujo, kiuj kredigis lin, ke eble en la aliaj urboj de la sama lando, Esperanto ne enigis ankoraŭ tiel profundajn radikojn, sed feliĉe tiu antaŭpenso ne trovis sin en konsento kun la realeco, ĉar dank'al la fervora laborado de S-roj Inglada, Ayza, Piñó, Jiménez Loira, Perogordo, Pastro Guinart, Duyos, kaj multaj aliaj, kiujn li nun ne citas, kaj speciale S-ro Ricardo Codorniu, la apostolo de Esperanto en Hispanujo, nia kara afero bele prosperas en la nenordaj lokoj.

Li varme laŭdas la grandan helpon, kiun la hispana registaro faris al la Kongreso kaj speciale Lia Reĝa Moŝto Alfonso XIII, kiu bonvolis akcepti ĝian honoran prezidantecon.

Li esprimas koran saluton al ĉiuj en la nomo de siaj samlandanoj kaj finas per majstra periodo (ne sufiĉe bone aŭdita ĉar la aplaŭdoj ne permesas klare aŭdi), en kiu li korsalutas Valencion, kiu tiel gastame akceptas la ekskursantojn, kaj ĝian belan Ekspozicion.

Post S-ro Bourlet, aperas la figuro de nia kara, tiel modesta kiel multvalora Pastro Guinart, kiu ĉiam fervorege propagandis Esperanton, kaj estas konata de ĉiuj Valen-

cianoj. Bedaŭrinde liaj religiaj devoj tenas lin nun en Utiel: tial Valencio, revidante lin esprimas al li sian ĝojon per longaj aplaŭdoj de bonveno.

Malfeliĉe nia kara samideano estas iom malvarmuminta. Li komencas tion diri al la aŭdantaro, bedaŭrante ke lia voĉo estas iom raŭka kaj ne tiel belsona, kiel meritas la publiko, pro kio li humile petas ĝian permeson por trinki akvon, en la celo pliklarigi sian parolon. Li komencas trinki glason da akvo, kaj la publiko varme aplaŭdas kaj akceptas per bonintencaj ridoj la originalan ekparolon de Pastro Guinart, kiu montris tiun ĉi serenan logecon, per kiu li en predikoj sendube tiris multajn animojn al la sankta kristana afero. Eltrinkinte la akvon, Pastro Guinart daŭrigas per sia malflama, malkonfuza kaj afabla parolo kaj varme laŭdas la grandajn servojn kiun faris al Esperanto, S-ro Jimenez Loira, direktoro de LA SUNO HISPANA. Li rememoras la faman fablon el Iriarte, en kiu oni raportas, ke en malproksima lando, ne koninta antaŭe la ovojn, oni komencis kuiri ilin laŭ diversaj manieroj; ĉiu aparta maniero estis siavice laŭdita de la publiko, ĝis kiam iu, amanta justecon kaj ĝuste konanta la aferon, plendis, ke oni laŭdas nur la kuiristojn pro ilia elpensemo kaj dume ĉiuj forgesas la enkondukinton de la kokinoj. En la fablo la aŭtoro uzas la frazon faman en Hispanujo: «¡Dank' al tiu, kiu alportis la kokinojn!» Kaj Pastro Guinart aplikas sprite tiun ĉi belan frazon, por ke ĉiuj nun ne forgesu, ke la prospera stato de Esperanto en Valencio estas grandaparte ŝuldita al S-ro Jimenez Loira, kiu alportis tien ĉi la *esperantajn kokinojn*. Varmaj aplaŭdoj rekompencas la belajn vortojn de S-ro Pastro Guinart.

D-ro Mibs, glora prezidanto de la IVª Kongreso de Esperanto en Dresden, parolis post Pastro Guinart, en nomo de la germanaj Esperantistoj. Li esprimis tre elokvente siajn sentojn de saluto, amo kaj danko al la Valencia Postkongreso kaj per tre belaj delikataj frazoj faris poezian laŭdon de la urbo de la floroj, inter meritataj aplaŭdoj.

Jen aperas sur la parola loko S-ro Kapitano Perogordo, tiu lerta Esperantisto, kiu vekas pli da simpatioj, ol harojn havas lia kapo. Li parolas en la nomo de la Madrida Grupo kaj komencas per tiuj ĉi vortoj, kiuj estas vera poemo de amo: *¡Karegaj gesamideanoj aŭ pli bone gefratoj!* ¡Oni nun neu la *internan ideon* de Esperanto! Kiu ne kredas al ĝi, sendube devas esti blinda, ne je okuloj, sed je koro. La brava kapitano, kiu tiel ofte elmetas sin al la danĝeroj de la aerostataj veturadoj kaj kiu meritas la unuan diplomon de propagandisto de Esperanto en la aero, ĉar li unuafoje parolis esperante en aerostato kun kolego, kiu veturis en alia, okaze preterpasanta aerostato, faras mallongan paroleton en kiu simple kaj senafekte montras la sentojn de amo de la esperantistoj Madridaj, inter kiuj estas S-ro Codorniu, forestanta pro malsano. Li estas ankaŭ varme aplaŭdita de la publiko.

S-ro Douglas parolas en la nomo de la irlandoj kaj esprimas per tre belaj vortoj la saluton de siaj samlandanoj. Ankaŭ aplaŭdoj estas la pago de lia interesa parolo.

Nun venas la vico al nia malnova kara amiko S-ro Alfonso Sabadell, vicprezidanto de la Vª Kongreso de Esperanto. Kiam li aperas, aplaŭdoj sonas de kora bonveno. Li parolas kun tia sonoreco ĉe li kutima, kiu igas tiel klara lian buŝan esprimadon kaj li montras al ni la korajn salutojn kaj gratulojn de la Barcelonanoj, kiuj per la organizo de la Kongreso faris taskon admirindan, kiu tre bele kunhelpos al la disvastiĝado de Esperanto en Hispanujo. Li plendas, kiam li aŭdas, ke Esperanto *floradas*, ĉar ciu floro velkas kaj li ne volas la velkon de Esperanto. Pri tiu ĉi delikata aludo li faras kelkajn belajn frazojn kaj finas ripetante la koran saluton al ĉiuj ĉeestantoj kaj dezirante eternan vivadon al nia neniamvelkonta afero.

S-ro Tellini parolas en la nomo de la italaj esperantistoj. Li laŭdas la taŭgecon de Esperanto, kiu permesis al li travojaĝi kaj viziti la belan hispanan landon. Li delikate esprimas la saluton al ni de la italoj kaj invitas ĉiujn lin aŭdantajn al proksima Kongreso en Italujo. Ni certe iros kaj admiros la belaĵojn de la lando, reĝino de la muziko, nia kara!

Post la itala esperantisto, S-ro Inglada levas sin kaj antaŭeniras, dum bruegaj aplaŭdoj sonas. Kiam ili ĉesas li komencas paroli en la nomo de la Valencia grupo Esperantista, tasko tre delikata,—li diras—ĉar kelkaj povus alskribi lian intencon al la fiereco kaŭzita de la triumfo de la Postkongreso. Lia parolo, tamen, estas devigita de dankeco, ĉar li havas grandan ŝuldon, kiu ne povas resti nepagita. Li volas en la nomo de la Grupo prezenti sian plej koran dankon al la urba konsilantaro de Valencio, kiu tiel multe helpis al nia afero (*aprobaj aplaŭdoj*), al la Komitato de la Ekspozicio, kiu tiel gastame akceptis nin kaj permesis niajn kunsidojn en sia belega salono (*aprobaj aplaŭdoj*), kaj speciale al le Valencia popolo, kiu propramove partoprenis en tiu ĉi bela festo, farante al la esperantistoj tian eksterordinare afablan akcepton, per kiu ĝi donis grandan pruvon de kultureco kaj gastamo (*longaj aplaŭdoj*). Li volas ankaŭ danki D-ron Zamenhof, kiu bonvolis akcepti la prezidantecon de la Postkongreso, lian ĉarman edzinon, kiu subtenis ame lin dum tiel longaj jaroj da ĉagrenoj kaj malplaĉoj, kaj ĉiujn eminentajn fremdajn esperantistojn, kiuj honoris nin per sia alesto.

Ŝajnas ke la publiko jam konstatis la intiman karakteron de tiu ĉi kunsido. F-ino Lacruz naive konfesante, ke ŝi ne trovas taŭgan vorton, kaj Pastro Guinart trinkante glason da akvo, montris, ke tio ĉi estas nur familia kunveno, kio estas plej konforma al nia situacio, ĉar inter esperantistoj ne povas ekzisti ceremonioj, nek komplimentoj, nek etiketoj (*aplaŭdoj*).

Ni estas meze de granda ĝojo, kiu elbordiĝas el niaj koroj; kaj tiel same, kiel en la imponantaj malĝojaj okazoj nia spirito bezonas preĝi, en la nuna okazo de intima ĝojego, nia koro deziras kanti, kaj mi, partoprenanta en tiu ĉi eksploda gajeco, volas ankaŭ kanti, proponi al vi humilan—sed tre sinceran—kanteton, kiun mi dediĉas

## AL LA ESPERANTISTOJ VENINTAJ EN VALENCION

En urb' de la floroj, per lingv' Esperanto,
Regadas nun vera konsento,
La homoj kunvivas kredante sin fratoj,
Dum korojn batigas amsento.

La Reĝ' Esperanta, Doktoro Zamenhof
Nin ravas per sia kunesto,
Kaj ĝoj' debordiĝas senlima, freneza,
En nia altcela korfesto.

Ni ĉiam memoros ĝuitan feliĉon
En tiu ĉi Ekspozicio,
Se Dio redonos perditan ĉielon...
Ĝi estu en urb' Valencio.

Kiam S-ro Inglada finas la versaĵon, la entuziasmo kaj la aplaŭdado estas tiel granda, ke li devas cedante al la petoj de kelkaj amikoj, deklami antaŭ la publiko la hispanan tradukon de la versaĵo, kiu ankaŭ ricevas longajn aplaŭdojn, kaj insiste petita li devas alian fojon ankoraŭ deklami la esperantan versaĵon.

La aplaŭdojn sekvas tre imponanta silento, ĉar D-ro Zamenhof sin levas kaj ĉiuj volas ne perdi eĉ unu solan el la vortoj dirotaj. D-ro Zamenhof per sia harmonia voĉo, kiu ŝajnas al la aŭdado nur karesa apudmara venteto, faras parolon, kies plenan enhavon estas al ni neeble reprodukti, ĉar kapti la oran esprimon de nia Majstro estas afero pli malfacila, ol tuŝi la lunon per la fingroj. Lia parolado entenas varman koran saluton kaj dankon al la popolo Valencia, al la urbestraro ĉi tiea, al la Komitato de la Ekspozicio, al Lia Reĝa Moŝto Alfonso XIII, al ĉiuj esperantistoj, kiuj partoprenas en tiu ĉi festo.

Li multe esperas de tiu ĉi fruktodona Postkongreso.

Farante aludon al Valencia persono iom dubanta pri tio, ĉu la fremdaj Esperantistoj povas perfekte kompreni unu la alian per Esperanto, li diras, ke tiu persono per alesto al tiu ĉi kunsido tuj forĵetus sian dubon kaj kredus al nia lingvo.

Per belegaj frazoj li esprimas sian impreson pri la restado en Hispanujo kaj finas adiaŭante al ĉiuj ĝis la venonta kongreso.

La salono resonas de la aplaŭda bruado. S-ro Aguilar Blanch fermas la kunsidon, sed la publiko ne estas preta foriri ankoraŭ: io mankas al ĝi kaj tio estas tiu ĉi kroma numero, kiu ĉiam aldoniĝas al la esperantaj programoj: la ĥorkantado de himno «Espero». Ĉiuj Esperantistoj staras kaj fervore kantas lerte direktataj de S-ro Barono Menu de Ménil, kiu sukcesas, kiel energia orkestrestro, ke la kantado estu agorde farita.

Dum la nokto post la vespermanĝo estis anoncita la prezentado en la Ekspozicia Teatro de opero *La Boheme*, kaj inter la dua kaj tria akto bruligo de artaj fajraĵoj kun esperantaj surskriboj, aranĝitaj por la honoro de la ekskursantoj. Bedaŭrinde en tiu ĉi vespero ne estis serena ĉielo kaj la pluva vetero difektis la artajn fajraĵojn, malpermesante la efektivigon de la programo. La esperantistoj vizitis la Ekspozicion, alestis al la teatra prezentado, kaj kelkaj enlitiĝis frue kaj tiamaniere ili kontentigis la korpon eble iom lacan pro la senhalta ĉiutaga movado.

## 16ª de septembro

Kiel estis anoncita en la programo, dum la mateno oni faris ekskurson al Sagunto. Pli ol 200 ekskursantoj troviĝis en la Aragona stacidomo je la sepa matene, atendantaj la forveturon de la vagonaro kondukonta ilin en Saguntton. Inter tiuj ekskursantoj ni devas citi la fremdajn esperantistojn: S-rojn Bourlet, Menu de Ménil, Moschelles, Tellini, Mibs, Bastie, Sérgent, k. c. El la hispanaj ankaŭ estis: S-roj Ayza, Perogordo, Dujos, Sabadell, Marzal, Bellido, Licton, Martínez Domingo, la fratoj Vincento kaj Julio Moreno Blanchart, k. c.

Inter la ekskursantoj ankaŭ iris multaj belaj fraŭlinoj kaj sinjorinoj, kiuj per sia alesto ĉarmigis pli la ekskurson, kaj el kiuj ni rememoras: F-inojn Lacruz, Genovevo Bridel kaj S-rinojn J. Bermat, H. E. Bone-Bone, J. Michel, Tercelin, Warman, Amparo Castañer kaj Matilde Bachelier.

Je la sepa kaj 25 minutoj la vagonaro ekveturis. Dum la trairo la ekskursantoj rigardadis la belan antaŭ ili aperantan kaj tuj malaperantan pejzaĝon, pri kiu ili faris grandajn laŭdojn. Ĉiuj parolis Esperanton kaj la ekskursantaro ŝajnis nur multenombra familio pro la konsento kaj gajeco ĉie regantaj. Kiam la vagonaro haltis antaŭ Sagunto, al ĉiuj ŝajnis, ke la veturado daŭris nur unu sekundon, ĉar la altiro de la pejzaĝo kaj la vigla babilado igis pasi nerimarkate la tempon.

En la stacidomo de Sagunto atendis komisio konsistanta el la urbestro S-ro Ramón López, la sekretario S-ro Francisco Pizcueta kaj multaj tieaj distingindaj personoj, kiuj salutis la ĵusalvenintojn kaj metis sin je ilia dispono por ĉio.

Sen ia ripozo la ekskursantoj trairis la stratojn de Sagunto, meze de la aplaŭdoj kaj salutoj de le Saguntanoj, kaj direktis sin al la kastelo, kiu estis antaŭ kelkaj centjaroj, teatro de multaj heroaĵoj kaj rememorindaj scenoj.

La esperantistoj dividis sin en grupojn kaj komencis viziti ĉiujn detalojn de la kastelo. Ĉiuj montris sin tre kontentaj pri la vizito kaj vigle babiladis, sed subite la gajecon interrompis ia terura neatendita okazintaĵo.

Sed en tiu ĉi loko de nia raporto ni preferas lasi la daŭrigon al kapitano Perogordo, kiu estis alestanto kaj priskribas.

## Esperanto Ruĝa-Kruco kaj ĝuj-enketo

«En longa vico ili komencis la proponitan viziton; jam la unua parto estis preskaŭ »en la plej alta konstruaĵo, kiam oni povis rimarki grandan bruon kaj polvan nubon

»ĉe remparo, sur kiu staris vasta grupo de esperantistoj; ni ĉiuj kuris en tian lokon »kaj terure ni vidis, ke la remparo falis trenante kvin; du virinojn kaj tri virojn, unu, »S-ro Mattés, kuŝis sanganta apud la vojo inter grandaj ŝtonoj rulantaj kun li, virino »estis ĉe la murkrutaĵo tute senmova ĉar kiu ajn moveto povus ruligi ŝin, la aliaj en »la unua parto de la falinta muro.

»Post kvin minutoj t. e akuratege alvenis la Saguntaj Ruĝ-krucanoj kun portiloj, »kuraciloj k. t. p.; tia akurateco vere kaj prave mirigis ĉiujn ĉeestantojn, kiuj gratu- »lis sin reciproke ĉar kio povus esti terura okazintaĵo, nur feliĉe reduktiĝis al ne- »grava vundito S-ro Mattés, kiun oni kondukis sur portilo al la urbdomo, tie, kiel la »kuracisto ne parolis esperante, mi estis devigata traduki la paroladon inter la vun- »dito, la kuracisto kaj la juĝisto, kiu faris juĝenketon; pro tio mi unuafoje kaj *oficiale* »tradukis esperantan paroladon, ĉar mi subskribis mian deklaron kaj tiujn de la »vundito kaj de tri virinoj kiuj akompanis lin.

»Tiel la kuracisto, (kiu estas prezidanto de la Ruĝa-kruco) kiel la Ruĝ-krucanoj »materiale vidis la gravan profiton de nia kara lingvo kaj promesis eklerni Espe- »ranton.

»Tagmeze oni kondukis la vunditon sur portilo en pakaĝ-vagono akompanata de »la Saguntaj Ruĝ-krucanoj ĝis lia Hotelo en Valencio; mi ankaŭ akompanis lin en la »pakaĝ-vagono por traduki liajn petojn dum la vojaĝo.

»El ĉio ĉi mi konkludas, ke tia malfeliĉaĵeto havigis al ni okazon, pruvi la taŭge- »con de Esperanto antaŭ la ne esperantigitaj personoj kaj varbi novajn samideanojn.»

Madrid 29 Septembron. 1909.—JOSEFO PEROGORDO.

«NOTO. Mi faris ankaŭ raporton de tia okazintaĵo al Generalo Priou.

Dume en Valencio Gesinjoroj Zamenhof kaj Gesinjoroj Sebert, kiuj ne iris en Sagunton pasigis la matenon akompanatajn de S-roj Aguilar Blanch, Jimenez Loira kaj Inglada, vizitante la Ekspozicion, ĉar la pluva vetero ne permesis fari ekskurson al la haveno, kiel oni intencis.

Kaj tie ĉi ni devas raporti pri ia okazo, kiu sendube ofendos la senliman modestecon de D-ro Zamenhof, sed kiun ĝoje ekkonos ĉiuj esperantistoj, ĉar ĝi pruvas la grandan malavarecon de nia Majstro.

En la *Palace Hôtel*, kie loĝis D-ro Zamenhof, ia familio sin prezentis, kun la peto, ke la aŭtoro de Esperanto operaciu malsanulon je la okuloj, jam kuracitan sen sukceso de aliaj kuracistoj. La familio petis, petegis nian Majstron, ke li esploru la malsanulon. D-ro Zamenhof devis pro tia granda insistado kaj en bonfara celo plenumi tian peton, sed li trovis sin en la embarasa situacio, ke li estas fremda kuracisto ne havanta operacian ĉambron, nek la por tio necesajn ilojn. Feliĉe D-ro Aguilar Blanch, kiu estas ankaŭ okulisto, proponis sian ĉambron kaj ilojn al D-ro Zamenhof, kiu en la domo de S-ro Aguilar kaj helpata de li, faris tre sukcese la petitan operacion. Kiam oni ĝin finis, la familio plej kore dankis kaj demandis nian Majstron pri la honorarioj. D-ro Zamenhof rifuzis ion akcepti: la familio kvazaŭ ofendiĝis pri tio, ke li ne volas akcepti la rekompencon de tia a'trudita operacio, kaj la insistado de la familio estis tiel prema, ke D-ro Zamenhof devis akcepti sian honorarion, kiun li tuj donacis al la kaso de la Valencia Grupo Esperantista por propagando. Tia nobla kaj malavara ago ne bezonas komentarion, ĉar sufiĉas ĝin raporti, por ke ĉiuj sin sentu kortuŝataj. Kompreneble D-ro Aguilar kaj S-ro Inglada plej varme dankis D-ron Zamenhof en la nomo de la Grupo.

La malfeliĉa okazintaĵo en Sagunto estis tuj konita en Valencio, sed en la unuaj momentoj la sciigoj estis iom konfuzaj. La urbanoj de Sagunto vidis falantan muron, kie estis kvin personoj, kiu levis grandan nubon de polvo. Oni kredis, ke vera malfeliĉejo okazis kaj oni tuj telegrafis Valencion kun raporto pri mortinto kaj kelkaj vunditoj.

Kiam D-ro Zamenhof kun generalo Sébert, kaj S-roj Aguilar, Jimenez Loira kaj Inglada revenis el la Ekspozicio en la Palace Hôtel'on, la hotelmastro klarigis al ili la Saguntan malfeliĉon. Ili tuj sin direktis al la stacidomo por akcepti la vunditojn kaj certe ekscii pri la afero, sed en la irado ili renkontis amason da revenantaj ekskursantoj, kiuj ĝuste raportis la okazon, dirante, ke vera miraklo estas ke ne fariĝis malfeliĉejo, kaj nur rezultis unu negrava vundito, S-ro Mattés. Kiam ili alvenis al la stacidomo, tie jam estis la Valencia Provincestro, la Ruĝ-krucanoj kaj multaj esperantistoj. S-ro Mattés kuŝis pala sur brankardo: D-ro Zamenhof konsolis lin dirante, ke la afero feliĉe estas negrava kaj la vunditon oni tuj portis en lian loĝejon, kie de tiu ĉi momento li estis plej zorge flegata kaj vizitata ĉiumomente de ĉiuj valenciaj esperantistoj, kiuj tre interesiĝis pri li kaj kore bedaŭris tian neatenditan malagrablegan okazon. Feliĉe la vundo de S-ro Matlés estis baldaŭ kuracita, ia lia frato venis el Barcelono kaj post kelkaj tagoj akompanita de sia frato li povis reveni en sian hejmon.

Tiu ĉi Sagunta okazo estis la prio de ĉiuj konversacioj dum la posttagmezo. La vetero daŭrigis estante pluva: tial oni devis neokazigi festeneton, kiun oni volis pretigi en restoracio Miramar apud la haveno. La ekskursantoj tamen profitis la posttagmezon ree vizitante la Ekspozicion, kie ĉiuj Valenciaj Esperantistoj akompanis ilin kaj klarigis ĉiuj rimarkindajn detalojn de la instalaĵoj, kiuj tre plaĉis al la fremduloj. Ankaŭ ili dediĉis grandajn laŭdojn al la esperanta instalaĵo, kiun la Grupo Valencio aranĝis en la Ekspozicio.

Post vespermanĝo la Esperantistoj kolektis sin en la Ekspozicio, kie oni intencis bruligi valencian *traka'on* (longa linio da eksplodiloj, kiujn oni eksplodigas unu post alia) por ilia honoro, sed la senĉesa pluvo, ne permesis ankaŭ tiun feston, kiel ĝi ankaŭ malpermesis la bruligon de la artaj fajraĵoj.

La programo, do, estis pli simpligita, kaj ĉiuj iris en la Ekspozician Palacon de la urba konsilantaro, kie la urbestro proponis teon al la postkongresanoj. En la salono lukse lumigita kaj belaranĝita, kunvenis ĉiuj ekskursantoj, kiuj estis tie plej aminde akceptataj kaj regalataj per manĝaĵoj, glaciaĵoj kaj ĉampano. La festo estis senceremonia, tre gaja, kaj plaĉis al ĉiuj Esperantistoj. D-ro Zamenhof, la urbestro de Valencio, kaj S-ro Bourlet, faris tre elokventajn toastojn, en kiuj regis sentoj de amo kaj frateco. Ĉiuj konstatis la kortuŝatecon de Nia Majstro kaj lia edzino, kiuj kredis, ke ili nur estas en sia propra familia hejmo.

De la teo-salono oni transiris en la balĉambron de la Granda Kazino. Tie la amantoj de Terpsícore dediĉis sin al dancado, kaj ni vidis nian karan amikon S-ron Bourlet, kiu estas tiel lerta en dancarto (ne en dancado) kiel en matematiko.

Dume en la balsalono regis vigla babilado. Musikistaro ludis kelkajn muzikpecojn kaj ĝi volis surprizi la esperantistojn per la ludo de nia himno Espero. Sed malfeliĉo ekzistis. La muzikistoj ne konis la muzikon de nia himno, nek estis facile trovi tie le paperon por ĝin tuj lerni. Dank'al ia kongreslibro, kiun oni trovis, kaj kiel ĉiuj scias entenas le muzikon de la himno, la afero bele prosperis.

Oni ludis unue kaj ĥorkantis ls belan himnon de la Ekspozicio: ĝi plaĉis tiel multe, ke oni devis ĝin ripeti. Poste oni ludis kaj ĥore kantis la himnon «Espero», kiu ankaŭ estis entuziasme ripetita.

Tiamaniere finiĝis tiu ĉi bela tago, neniam forgesebla por la Valenciaj esperantistoj.

## 17ª de septembro

Jen la tago de foriro! Kiam ĉiuj Valencianoj estas kutimitaj vivi kun la ekskursantoj kaj kredi ilin samfamilianoj, jen la terura sorto ilin forprenas en fremdajn landojn. Ĉiuj estas ĉagrenataj pro la disiĝo; sed ni eraras: ne ĉiuj estas ĉagrenaj, iu estas

kontenta kaj montras sin plej ĝoja pri la foriro de la karaj ekskursantoj: ĝi estas Ĝia Astra Moŝto La Suno Hispana, kiu plej hele brilas en ĉielo serena kaj sennuba. Kia kruela sarkasmo! En la du antaŭaj tagoj, kiam ĝi estis necesa por la brileco de la festoj, Ĝia Astra Moŝto ne bonvolis honori nin per la efiko de siaj potencaj radioj; tial la pluva vetero malpermesis la efektivigon de la noktaj fajraj festoj. La ekskursantoj kiuj pensante pri Hispanujo revis pri lando sunriĉa, varmega en septembro, vidis en Valencio veteron indan je Londono (kaj mi ne volas ofendi per tio niajn karajn anglajn samideanojn) kaj ni povas certigi al vi, ho karaj ekskursantoj, ke depost la monato majo, ĝis kiam vi venis, ni ne konis la pluvon, kaj en via vizito ĝi sin montris konstanta, perfida, senkompata... Tial Ĝia Gazeta Moŝto LA SUNO HISPANA estas plej malkontenta pri sia samnoma Astra Moŝto, kiu kondutis ne tiel ĝentile, kiel ĝi devis.

En la Norda stacidomo ĉirkaŭ la naŭa matene estas ĉiuj esperantistoj atendantaj en la vagonaro ilin kondukonta Barcelonon kaj de tie—hejmen. Ankaŭ kun ili restas la Valencianoj, kiuj adiaŭas kun sama korbedaŭro al ĉiuj kaj estas tre dankaj al ili pro la honoro kiun ili faris al Valencio per sia visito.

La forira signalo tuj eksonos: ĉiuj manpremas unu la alian por adiaŭo: oni aŭdas kriojn: «Vivu Zamenhof», «Vivu Esperanto», oni ekkantas «La Espero» kaj la vagonaro komencas ekiri majesta, senbrua, forportante tian amason da karegaj samideanoj, dum Doktoredzino Zamenhof ĵetas el sia vagonfenestro rozon al S-ro Inglada, kiu kortuŝate kaptas kaj tenas ĝin, sentante el malproksime la delikatan kanton de la poetino:

»Rozujo sovaĝa, simbolo de l'amo...»

* * *

Kelkaj Esperantistoj ne obeis la programon pri la forveturo kaj restis ankoraŭ kelkajn tagojn en Valencio; aliaj venis kiam jam la Postkongreso estis finita, kiel faris niaj distingindaj samideanoj Gesinjoroj Bricard.

La 18an de septembro je la kvara posttagmeze forveturis al insuloj Balearaj grupeto da samideanoj, inter kiuj estis: Gesinjoroj Cazeaux, F-ino Hoffman, S-ro Fallek, kaj aliaj kies nomon mi ne rememoras. S-roj Perogordo, Marzal, Piñó, Soler Valls kaj Inglada iris en la havenon adiaŭdiri al ili kaj la momento de la forveturo de la ŝipo estis tre kortuŝa.

Ankaŭ restis en Valencio kelkajn tagojn niaj plej karaj kaj distingindaj kolegoj S-roj Pastro Guinart, subkolonelo Ayza, kapitano Perogordo kaj telegrafestro Soler Valls. La Valenciaj esperantistaj faris kun ili intiman adiaŭan festeneton en Miramar, apud la trankvila Mediteranea Maro.

Nun jam ne estas la bruado, kaj vigleco de la Postkongresaj tagoj: Valencio restas tute trankvila, sed la Grupo ne ripozas; ĝi transloĝiĝis en pli bonan domon kaj aranĝas kelkajn esperantajn kursojn en la celo varbi kiel eble plej multe da samideanoj. Ĉiutage en la Grupo iu rememoras la familian gajecon de la Postkongreso kaj ĉiuj plendas pri la mallongdaŭreco de feliĉo en la tero. La Valencianoj neniam forgesos tiun ĉi Postkongreson kaj ili rememoras kun larmoj en okuloj tiun kruelan momenton en kiu ili devis diri al ĉiuj:

Adiaŭ, plej karaj: ĝis nova revido!

POSTKONGRESANO.



# Nekrologio

Mario Schroder, la fondintino de «Konversacia Esperanta Klubo» de Kopenhago, unu el la plej fervoraj esperantistinoj el Danujo, unu el la personoj, kiuj pli laboris por la disvastigo de esperanto tie, mortis en Ĝenevo, kiam ŝi iris al Barcelono por riprezenti Danujon ĉe la kvina Kongreso.

Tipografo Marteno Johanson, unu el la unuaj norvegaj esperantistoj, dronis en Kristianio pro renversiĝo de velŝipeto, kie li ŝipveturis.

Ankaŭ en Pretoria'o (Sud Afriko) mortis S-ino M. Wood, kiu multe laboris por starigi la Keighley'an grupon kaj «Pretorian Esperantan Societon».

Al iliaj familioj ni sendas esprimon el la plej alta kondolenco.

# Necrología

María Schroder, la fundadora del «Club Esperantista de Conversación de Copenhague», una de las más fervorosas esperantistas de Dinamarca, una de las personas que más trabajaron por la difusión del esperanto allí, murió en Ginebra, cuando iba á Barcelona á representar á Dinamarca en el quinto Congreso.

El tipógrafo Martín Johanson, uno de los primeros esperantistas noruegos, se ahogó en Kristianía, á causa de haber dado la voltereta un barquito de vela en el cual navegaba.

También en Pretoria (Africa del Sur), falleció la Sra. M. Wood, que trabajó mucho para establecer el «Grupo de Keyghley» y la «Sociedad de Esperanto de Pretoria».

A sus familias enviamos la expresión del más sentido pésame.

# Memorindaj datrevenoj de Novembro

1.—1802. Naskiĝas en Catania (Sicilio) la mondfama komposisto V. Bellini.
2.—1755. Naskiĝas la franca reĝino Mario Antonieto de Aŭstrujo.
3.—1893. Eksplodo de la vaporŝipo «Cabo Machichaco» en Santander'o (Hispanujo).
4.—1894. Mortas en Londono John Walter, Ĉefposedanto de la ĵurnalo *The Times*.
5.—1631. Publikiĝas la unua numero de la *Gazette de France* (Gazeto de Francujo).
6.—1905. La hispana reĝo Alfonso XIII alvenas Berlinon.
7.—1823. Estas pendigata en Madrido la hispana generalo Rafaelo de Riego.
8.—1517. Mortas en Roa (Burgos-Hispanujo) la mondfama kardinalo Francisko Jimenez de Cisneros.
9.—1765. Naskiĝas en Avalos la geografiisto kaj historiisto Fernández Navarrete.
10.—1759. Naskiĝas en Marbach (Wurtemberg) la famega dramaŭtoro Frideriko Schiller.
11.—1886. Mortas la eksprezidinto de la hispana Respubliko Estanislao Figueras.
12.—1853. Memorinda *pluvo de Steloj* (moviĝantaj ĉielaj lumpunktoj) en Ameriko.
13.—1868. Mortas la mondfama komposisto J. Rossini.
14.—1716. Mortas la famkonata germana filozofo Leibnitz.
15.—1630. Mortas la glora germana astronomiisto Johano Keppler.
16.—1889. La generalo Fonseca proklamas la Respublikon en Brazilo.

17.—1869. Inaŭguracio de la kanalo de Suez.
18.—1841. Mortas Augusteno Gamarra ekesprezidanto de la Republiko de Peruo.
19.—1824. Superakvo en Petersburgo.
20.—1893. Mortas en Madrido la konata verkistino Mario del Pilar Sinues de Marco.
21.—1694. Naskiĝas en Parizo la mondfama filozofo, dramaŭtoro kaj historiisto Francisko Aronet de Voltaire.
22.—1905. Alvenas Parizon la Reĝo de Portugalujo.
23.—1611. Naskiĝas en Lisabono (Portugalujo) la historiisto Francisko Melo.
24.—1895. La reĝo Haukon eliras el Norvegujo.
25.—1905. Mortas la hispana reĝo Alfonso XII.
26.—1504. Mortas la hispana reĝino Isabelo «La Katolikino».
27.—1895. Mortas en Parizo Aleksandro Dumas (filo).
28.—1857. Naskiĝas la hispana reĝo Alfonso XII.
29.—1878.—La hispana reĝo Alfonso XII edziĝas je Mario Kristeno, ĉefdukino de Aŭstrujo.
30.—1539. La astronomiisto Johano Fabricio unue vidas makulojn sur la Suno.

Kolektis kaj tradukis,
ESPERANTISTO 17.206

# Dankon!

Dum la Postkongreso, momento kiam neniu Valencia grupano ĉeestis en la grupejo, tiu ĉi estis vizitata, kaj sur tablo oni trovis poste paperon kiu diras:

«Hodiaŭ, vendrede, 17ª de Septembro je la 4.ª vizitis tiun kunvenejon 2 germanaj esperantistoj, kiuj ne povis kunvojaĝi kun la aliaj kongresanoj; iliaj nomoj estas:

P. Christaller prezidanto de Esperanto-Stelo Stutgarta».—Rich. Stauss, Komitatano.

Ni multe ĝojis pri la kunvenejo kaj gratulas la Valencian grupon pri la multaj ĵurnaloj kiujn ĝi abonas, pri la interesa aranĝo de la kunvenejo, kiu povas esti modelo por ni.

Ni tre kore kaj samideane salutas la ĉi urbajn samideanojn».

La esperantista graveco de tiuj personoj gravigas tiun opinion, kaj certe la grupo dankos ĝian flatan parton kaj klopodos grandigi la meriteton kiu ĝin inspiris kaj ne deflankiĝos el la vojo, kiu ĝiaj karaj vizitantoj difinis kiel modelon.

KURIOZAĴO

Legi laŭte estas laŭ opinio de kuracistoj la plej bona ekzercado.

PROVERBO

«Manojn kisas la homo, kiujn li volas vidi fortranĉitaj.»

UTILAJ KONINDAĴOJ

En la dormoĉambron de la malsanuloj oni ne devas eniri, kiam la vizitanto estas sufokiĝinta, nek sidiĝi inter la malsanulo kaj la kameno aŭ fajrujo, se ili estas en la ĉambro, ĉar la fajrovarmo altiras ĉiajn infektitajn vaporojn.

HISTORIA DIRO

*«Pro la bruado el la bataliloj mi ne aŭdis la voĉon de la leĝoj».*

(La antikva Roma generalo MARIO respondante kontraŭleĝan kulpigon).

Tradukis esperanten, *Novejarque (Anĝelo).*

Tipografia Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

En Valencia, plaza de Tetuan nº 17 bajo

Se permite, gratis, la lectura de todos los periódicos esperantistas del Mundo y se dan clases de esperanto, también gratis, a los suscritores de la revista esperantista

La Suno Hispana.